4.ª JARO—N.º 9—10 JANUARO—FEBRUARO 1913

# Brazila Esperantisto



OFICIALA ORGANO DE
**BRAZILA LIGO ESPERANTISTA**
Elirante ĉiumonate — Apparecendo mensalmente
**REDAKCIO—AVENIDA RIO BRANCO 153, 2.º**
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO



## ENHAVO

Datreveno de Dro. Zamenhof.—Brazila Ligo Esperantista. IX Congresso Internacional de Esperanto.—Anniversario do Dr. Zamenhof.—Lingva Komitato.—Parkurbo Esperanto.—Trioleto.—Parizina.—Maksimoj kaj pripensoj.—La ruĝgorĝo.—Brazila Gazetaro.—Komuniko de Danubo.—Kroniko.—O Esperanto no estrangeiro.—Novaj gazetoj ricevitaj.—Korespondado.—Grupoj esperantistaj.—B. L. E.—Bibliografio.—Anoncoj.

**Rio de Janeiro - Brazilio**

# GRUPOJ ESPERANTISTAJ



1906—Marto — «**Suda Stelaro**». Campinas—Stato São Paulo—Prez. Ing^o Tobias R. Leite.

Junio—**Brazila Klubo «Esperanto»**.— Avenida Rio Branco, 153, 2º andar, Rio de Janeiro.—Prez. Kolonelo Dr. Moreira Guimarães.—1ª Sek. H. Motta Mendes.

Septembro—**Esperanta Klubo**—Aracajú —Ŝtato Sergipe—Prez. D-ro Alcibiades Corrêa Paes—1ª Sek. Sebastião d'Albuquerque.

1908—Marto—**G. E. de Bom Jardim**.— Ŝtato Rio—Prez. João Alfredo Desiderio Combat.

Julio— **Norda Matena Stelo**.—Tamoyos n. 41 B. Belem, Ŝtato Pará.—Prez. Anna Sarah de Mattos.

1910—Julio — **Grupo Esperantista de Juiz de Fóra**.—Juiz de Fóra — Stato Minas Geraes.—Prez. Paulino Bandeira.

Novembro—**Esperantia Grupo de Bahia**—Ŝtato Bahia.—Prez. Kolonelo Deraldo Dias.

Dezembro—**Brazila Esperantista Klubo**.—Quitanda 47. — Rio de Janeiro — Prez. Giovanni Leoni—1ª Sek. Rinaldo de Souza.

1911 –Januaro.—**Societo Esperantista Doktoro Baena**.—Belem. Ŝtato Pará—Prez. Dr. João Pedro de Figueiredo.

Aŭgusto—**Samideaninaro**.— Aracajú— Ŝtato Sergipe.—Prez-F.^ino Sylvia de Oliveira Ribeiro.—1ª Sek. Norma Reis.

1912—Marto.— **Ortologa Universitata Rondo**.—Bahia—Prez. Dr. Magnus Söndahl.

Aŭgusto—**Virina Klubo**.—Strato General Severiano, 170—Rio de Janeiro.—Prez. S-ino Maria Chalréo.—1ª Sek. F-ino Julia Fernandes.

———

Ni publikigas nur la nomojn de l'grupoj kiuj aliĝis al **Brazila Ligo Esperantista** aŭ helpis **Brazilan Esperantiston**.

# B. L. E.

UNUIĜO KREAS FORTON

A Brazila Ligo Esperantista (Liga Esperantista Brazileira) cuja directoria é annualmente eleita pelo Congresso tem por fim dirigir a propaganda do Esperanto no Brazil em questões de interesse geral, proceder a exames de Esperanto, dar diplomas de professores, auxiliar os grupos e representar em qualquer emergencia a opinião dos esperantistas brazileiros.



SÉDE—Rio de Janeiro.

COTISAÇÃO ANNUAL. Cada grupo que adherir paga 10$000 por anno e elege um delegado, de preferencia residente no Rio de Janeiro. Póde o Grupo escolher mais de um delegado, pagando nessa hypothese 10$ cada um.

Qualquer pessoa póde isoladamente adherir á Liga, pagando a annuidade de 5$. Não ha joia.

VANTAGENS. Os grupos que adherirem á Liga gozarão das seguintes vantagens :

*a*) Recebem gratuitamente o «Brazila Esperantisto» e para os socios com abatimento de 20 °/₀ do preço da assignatura annual ;

*b*) Por intermedio dos seus delegados são informados das decisões da Directoria da Liga na quaes tomam parte;

*c*) Gozam de abatimento nas edições da Liga e nas encommendas que por meio della fizerem de quaesquer obras esperantistas ;

*d*) Recebem da Liga todo o auxilio que esta lhes puder prestar, em beneficio da propaganda e diffusão do Esperanto ;

*e*) Podem publicar no orgão official da Liga informações mensaes sobre o movimento esperantista local.

NOTA.—*A Liga não intervem em assumptos referentes á vida interna dos grupos filiados, podendo estes agir livremente de accordo com os fins para que foram creados.*

Das vantagens *c*, *d* e *e* gozam tambem as pessoas que adherirem isoladamente á Liga, as quaes recebem o «Brazila Esperantisto».

As pessoas que desejarem adherir á Liga devem dirigir-se ao Sr. E. FELIX TRIBOUILLET, thesoureiro. Avenida Rio Branco 153, 2º andar. O remettente receberá o cartão de membro da Liga.

Quanto á adhesão dos grupos e demais informações, dirigir-se ao Sr. J. B. MELLO e SOUZA, 1º Secretario.

# BRAZILA ESPERANTISTO

OFICIALA ORGANO

de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

4-a Jaro — Januaro—Februaro—1913 — Numero 9-10

| JARABONO | Elirante ĉiumonate—Apparecendo mensalmente | Specimeno 0, fr. 50 (0, Sm. 20) |
|---|---|---|
| En Brazilio 3$000 | REDAKCIO — AVENIDA RIO BRANCO, 153 2.° ANDAR | Num. avulso 300 réis |
| Eksterlande 5 fr. (2 Sm.) | RIO DE JANEIRO — BRAZILIO | Helpabono 10$000 |


## Datreveno de Dro. Zamenhof

La brazilaj geesperantistoj ne forgesis inde festi la naskiĝtagan datrevenon de Dro. Zamenhof, okazintan la 15an de decembro lasta.

La festo konsistis el granda tagmanĝo ĉe Rotisserie Sportman, koncerto kaj parolado ĉe Asocio de Komercoficistoj kaj ekspozicio de esperantaĵoj, aranĝita en la luksa enirejo de tiu Asocio.

La tagmanĝo okazis la 11an matene. Longa tablo meze de l'ĉefa salono de Rotisserie Sportman estis belege ornamita per floroj kaj standardetoj esperantaj. Ĉirkaŭ kvardek personoj partoprenis, kaj ili estis ĉiam en la plej agrabla ĝojo, kiel ja ĉiam okazas dum niaj esperantistaj kunvenoj.



Du kaŭzoj, tamen, pligrandigis tiam la entuziasmon kaj ĝojon—unue, ĉar oni festis la naskiĝtagan datrevenon de nia karega majstro: due, ĉar je la unua fojo ĉeestis esperantistan kunvenon la plej klera el la brazilaj latinistoj, Dro. Fortunato Duarte, eksprofesoro de l'Lernejo Pedro II.

Dum la tagmanĝo Dro. Nuno Baena legis la raporton kiun li verkis, pri la antaŭa kunsido. Tiu raporto multe interesis ĉiujn pro la amuziga stilo de l'verkinto, kies spritaĵoj ofte ridigis la aŭskultintojn.

Poste oni elektis Sron Hernani Mendes por fari la raporton de l'okazanta kunmanĝo.

Sro. Mello e Souza en mallonga toasto salutis Dron Fortunato Duarte, sian eksprofesoron, kiu, dankante la saluton, konfesis ke, kvankam estante profesoro de latina lingvo, li varme, entuziasme aprobas la ideon de lingvo internacia, kaj diris ke tiu lingvo ne povas esti alia ol Esperanto, la glora postmorta filo de l'latina lingvo.

La parolado de Dro. Fortunato Duarte enhavis notindajn esprimojn kaj ideojn pri nia kara lingvo kaj pri Dro. Zamenhof, kies saĝecon la klera latinisto brazila fervore laŭdis.

Paroladis ankaŭ Dro. Venancio da Silva, kiu per belegaj frazoj elmontris la ĝojon kiun ĉiuj sentis pro la ĉeesto de Dro. Duarte. Je

l'nomo de l'esperantistoj li dankis la respektindan profesoron pro la altvalora helpo kiun li alportis al nia afero akceptante la inviton de Brazila Ligo kaj partoprenante en esperantista kunveno.

Sro. Hernani Mendes faris la lastan honoran toaston, salutante nian karan majstron, Dron Zamenhof.

La 2an vespere, ĉe la belega salono de l'Asocio de Komercoficistoj, komenciĝis la koncerto, ĉeestante multaj distingindaj familioj kaj geesperantistoj.

La programo, lerte organizita de S-roj ingº Arruda Beltrão kaj Querino de Oliveira, tre plaĉis al ĉiuj.

La ĉarmaj knabinetoj Edith Lorena kaj Maria Vaz Milone (10 jara) tre bone ludis respektive fortpianon kaj violonon kaj sukcesis entuziasmigi la aŭdantaron.

F-ino Marietta de Amorim Bezerra ka S-ino Lydia Salgado majstre kantis belajj kantojn, kiuj meritis longajn aplaŭdadojn.

Dum la koncerto, la ĉarma knabineto Ottilia Hack eldiris la jenan versaĵon:

### Al nia majstro

Kara Majstro! Se vi povus
Vidi mian gajan koron,
Certe nun en ĝi vi trovus
Ĝojon, amon kaj fervoron.

Car hodiaŭ ni festigas
La naskiĝan tagon vian;
Dato kiu tre ĝojigas
Nian rondon familian.

Ciuj ni tre varme festas
Kiel tuta kolegaro;
Via glora verko estas
Pacigilo de l'homaro.

Vin saluti mi deziras;
Tio estas ja necese;
Kelkajn vortojn nur mi diras,
Sed tre ĝoje, tre karese:

VIVU ZAMENHOF!...

Dro. Nuno Baena deklamis kun granda lerteco, la monologon «Miaj nigraj pantalonoj», kiu multe amuzigis la ĉeestantojn: kaj la beleta infano Mercedes Rego ankaŭ salutante Dron Zamenhof diris la poemeton:

### Saluto al Zamenhof

Al vi, ho majstro, kiu novan forton
Alportis glore al la paco vera,
Mi volas diri nun salutan vorton
Kun ĝoj' sincera.

Sed mi mem mian koron ne komprenas...
Ĉar en la brusto forte batas ĝi.
Vi, kara majstro, certe ĝin divenas.
Gloron al vi.

Plej grandan sukceson atingis Sro. Eustorgio Wanderley, la tre konata muzikisto kaj pentristo, deklamante sian interesan monologon «O Gago», al kiu li aldonis versojn pri Esperanto.

Dro. Alvaro Berford, la klera 2a sekretario de Societo de Geografio, faris tiam paroladon pri «Zamenhof kaj lia kreitaĵo», parolado kiu multe plaĉis al ĉiuj pro sia enhavo kaj bonstileco. Longa aplaŭdado aŭdigis, kiam dro. Berford diris la lastajn vortojn.

La bela festo finiĝis per la himno «Espero», kantita de ĉiuj ĉeestantaj geesperantistoj.

Milita muzikistaro ludis, dum la koncerto, kelke da belaj marŝoj.

LA EKSPOZICIO Ĉe la belega enirejo de l'palaco kie havas sian sidejon la grava Asocio de Komercofistoj, oni aranĝis grandan ekspozicion da esperantaĵoj, t.e, revuoj, jurnaloj, poŝtkartoj, afiŝoj, broŝuroj, fotografaĵoj kaj aliaj propagandaj kuriozaĵoj pri Esperanto.

La tre taŭga loko de l'ekspozicio, ĝuste je la plej bela kaj komerca parto de nia ĉefurbo, allogis multegon da vizitantoj, kun notindaj rezultatoj por nia propaganda.

La gazetaro de Rio tre favore, kiel ĉiam, raportis pri nia festo. Ciuj ĵurnaloj aperigis detalajn sciigojn, kun esprimoj de simpatio al nia afero. «Jornal do Brazil» kaj «O Imparcial» publikigis portreton de dro. Zamenhof.

M. S.

## Brazila Ligo Esperantista

Adheriram á Brazila Ligo Esperantista no corrente anno o *Brazila Esperantista Klubo* e mais as seguintes pessôas: *Ismael Gomes Braga*, de Teixeiras, Minas Geraes; *Dr. Carlos Augusto Bueno Ormerão*, do Rio de Janeiro; *José Pedro Franz* e *F-ino Antoninha Barum*, de Pelotas, Rio Grande do Sul; *Reynaldo Kieling Germany*, de Cruz Alta, Rio Grande do Sul; *Dr. Arthur N. Gomes Pereira da Silva*, de Aquidauana, Matto Grosso.

Pedimos aos Srs. socios da Brazila Ligo que enviem suas quotas referentes ao corrente anno ao thesoureiro, Sr. E. Felix Tribouillet, Av. Rio Branco, 153, 2º andar, Rio de Janeiro.

Receberam o diploma de "profesoro aprobita" os seguintes esperantistas: *Senhorita Julieta Mello e Souza*, de S. Paulo, e *Sr. Paulino Santiago*, de Alagôas.

Pedimos aos esperantistas isolados e aos Srs. secretarios dos grupos que nos enviem sempre noticias sobre o movimento e propaganda nas suas cidades para que as possamos publicar na nossa "Kroniko", e bem assim um exemplar do jornal local que publicar artigos e informações sobre o Esperanto.

# IX Congresso Internacional de Esperanto

Na ultima semana de Agosto do corrente anno terá logar em Berne, na Suissa, o 9º Congresso Internacional de Esperanto.

A cidade escolhida para séde desse certamen era Genova; verificando-se porem, que varias difficuldades viriam embaraçar a realisação do congresso, a "Konstanta Komitato" resolveu transferil-o para a bella capital da confederação Helvetica.

Incumbiram-se de organizar os festejos a "Svisa Esperanta Societo" e o "E. Grupo de Berne", tendo como orgam official o "Esperanto".

Berne está maravilhosamente localisada para séde da grande reunião internacional dos esperantistas. Suas bellezas naturaes, o caracter generoso do povo que a habita, e o facto de ser a Suissa o paiz predilecto dos touristes, tudo, em uma palavra, concorre para que o congresso alcance brilhante exito.

# Anniversario natalicio do Dr. Zamenhof

A commemoração de hoje.

Os esperantistas, já em numero consideravel disseminados pelo mundo, festejam hoje o anniversario do dr. Zamenhof, o autor da lingua internacional.

A personalidade desse modesto philosopho era até bem pouco tempo quasi desconhecida. O novo idioma auxiliar que, apezar do fracasso do "volapuk" do "spokil", do "solresol" e centenas de outros, pretende extinguir as consequencias da torre de Barbel, surgiu obscuramente, ha vinte e seis annos, ignorando-se por muito tempo quem fosse o seu autor, visto como as primeiras obras eram subscriptas por um simples pseudonymo.

A despeito dos mil embaraços e opposições, luctando sem capitaes e sem o apoio official dos governos, o esperanto foi progredindo. Tornou-se então necessario conhecer o autor do idioma. E o dr. Zamenhof foi obrigado a sair da obscuridade em que voluntariamente se conservava, receoso de que sua nacionalidade e suas crenças religiosas compromettessem a empresa a que dedicára toda a sua vida.

As festas com que os esperantistas commemoram o anniversario de Zamenhof, constituem uma compensação certamente merecida por quem, com tal desinteresse, afastou de si todas as honras a que, por seu genio e sua obra' fazia jus.

(*D' "O Impar cial" de 15 de Dezembro*)

# Lingva Komitato

La L. K., akceptis novan regularon per 16 voĉoj kontraŭ 4. Jen la ĉefaj punktoj de tiu regularo:

1. La Lingvokomitatanoj ne plu estas ĉiamaj, sed estas submetotaj al nova baloto ĉiun naŭan jaron;

2. La kandidatoj al la Lingva Komitato devos esti prezentataj de esperantistaj Societoj, de Lingvaj komitatanoj aŭ de aliaj Esperantistaj Institucioj;

3. La anoj de la Lingva Komitato formas naciajn subkomitatojn, kies tasko estas helpi la propagandajn societojn por la organizo de la ekzameno kaj diplomoj, seplori la esperantajn verkojn aperantajn en la lando kaj raporti pri ili. Tiuj naciaj Komitatoj anstataŭos, kun pl· preciza kaj pli larĝa tasko, la studkomisiojn pri ĉiulanda esperanta verkaro, kiujn oni fondis post la Kongreso de Barcelono.

S-roj Baruel, Geyer kaj G. Stroele estas elektitaj L. K-anoj respektive per 33, 41, kaj 29 voĉoj el 55 voĉdonintoj.

La L. K., konsistas nun el 145 membroj, nome 27 por angla lingvo, 4 bohema, 1 dana, 2 finna, 3 flandra, 41 franca, 16 germana, 11 hispana, 3 holanda, 4 hungara, 1 islanda, 6 itala, 3 kataluna, 6 pola, 6 portugala, 1 rumana, 8 rusa, 2 sveda.

(*El "Esperanto"*).

# Parkurbo-Esperanto

Ni ricevis la jenan leteron:

La 23-an de Januaro 1913.

Tre estimata sinjoro Redaktoro!

Por pli efike propagandi Esperanton kaj doni al novaj esperantistoj eblecon praktikadi en nia lingvo, ni fondas Esperantan Bibliotekon, el kiu povos preni librojn por legado estontaj logantoj kaj vizitantoj de Parkurbo kaj gelernantoj de Esper. kursoj.

Pro tio ni turnas nin al ĉiuj niaj gesamideanoj kun la peto: helpi laŭeble nian sendube tre utilan entreprenon, oferante Esperantajn librojn. aŭ monon por aĉeto de necesaj libroj.

Kaj al vi, estimata sinjoro, ni turnas nin kun speciala peto: presi en via ĵurnalo almenaŭ malgrandan noton pri tiu ĉi afero kaj, se estas eble, sendadi por la Biblioteko po du ekzempleroj de via ĵurnalo senpage; tio multe helpos al kompletigo de la Biblioteko kaj samtempe tre bone reklamigos vian ĵurnalon.

La Biblioteko komencos funkcii de la 15-a de Februaro.

Ĉiujn oferojn ni petas sendi laŭ nia adreso al la Sekretario de la Propaganda Ligo s-ro. V. N. Devjatnin.

Atendante vian baldaŭan favoran respondon kaj antaŭdankante vin por ĉio, kion vi bonvolos fari, ni prezentas al vi nian koran samideanan saluton.

Altestime: Propaganda Ligo Parkurbo-Esperanto.

# TRIOLETO

La unuan fojon mi vidis vin,
Ne la plej feliĉa mi sentis min.
Donjo, arde mi vin adoris tuj
La unuan fojon mi vidis vin;
Sed adoro tia, en via kor',
Veran amon al mi elvekis, flor':
La unuan fojon mi vidis vin,
Ne la plej feliĉa mi sentis min.

*La Forgesito.*

# PARIZINA

*(Lord Byron)*

El la angla poezio esperantigis

D-RO VENANCIO DA SILVA

..................................

XV

La sonoriloj de la monaĥejoj malĝoje kaj malrapide sonoras, balanciĝante en la malhela kvarangula turo, kun profundaj sonoj, kiuj funebre vundas la koron! Atentu! Oni ekkantas la himnon, la kanton por la mortintoj, aŭ por la vivantoj, kiuj estas baldaŭ mortontaj! Por la animo de ia foriganta ekzistaĵo, la morta himno resonas, la konkavaj sonoriloj sonoras. Li proksimiĝas al la templimo de la vivo, genufleksante antaŭ la genuoj de monaĥo. Malĝoja aŭdado, kompatinda spektaklo estis vidi lin genufleksintan antaŭ la ŝtipo, sur la nuda, malvarma tero, ĉirkaŭitan de la gvardioj, kies estro, kun la brako nuda, ekzamenas ĉu la tranĉrando estas akra kaj firma, por ke la bato estu rapida kaj certa. Dume, la popolamaso kunvenas en silenta rondo, por vidi la ekzekutigon de la filo kondamnita de la patro.

XVI

Estas proksimume la ĉarma horo antaŭ la subiro de la somera suno. Lumigante tiun malĝojan tagon kaj mokante je ĝi kun la plej firmaj radioj, la suno brilis sur la kondamnita kapo de Hugo, kiam lastafoje li, konfesante sin al monaĥo, plorante sian fatalon, pentofarante, kurbiĝis por aŭdi la vortojn. La alta suno brilis sur la bukloj de liaj kaŝtanaj haroj, frizitaj laŭlonge de la nuda kolo; sed pli brila ankoraŭ estis la radio ĵetita sur la hakilon rebrilantan apud li kun klara kaj funebra relumo. Ho! maldolĉa horo de l'foriro! Eĉ la sensentaj restis glaciigitaj pro timo. Kvankam la krimo estis grandega, kaj la leĝo justa, tamen ili tremis antaŭ la spektaklo.

..................................

---

# MAKSIMOJ KAJ PRIPENSOJ

**(De Markizo de Maricá)**

Ni ne estas ĉiam tio kion ni volas, sed tio kion la cirkonstancoj nin permesas esti.

---

La amo, kiel la infanoj, komencas per ludoj, kaj ...ĝas per ploroj.

Estas granda maljusteco kondamni la babilegadon de la virinoj: konsideru ke sen ĝi, la infanoj neniam lernus paroli.

---

La mondoj sin movadas en la oceano grandega de l'etero, kiel la balenoj naĝadas tra la vastaj maroj de la tero.

---

Kiu ne venĝas, estas ĉiam la plej bone venĝita.

---

Estas multaj parolistoj, kiuj havas pli bonajn pulmojn ol cerbon.

---

Kiam mi estis juna, mi admiris la homojn; nun maljunulo, mi nur admiras Dion.

---

La verda tero ornamita per floroj, kaj la blua ĉielo brileganta je steloj, ambaŭ konsente anoncas kaj proklamas la gloron, grandanimecon kaj majestecon de ilia ĉiupova kreinto.

---

Pri la homaj opinioj, la stomako havas tre povan influon.

---

La avaruloj ne povas fari testamenton, ili ektremas antaŭ la dirotaj vortoj:—Mi donas...

---

La laŭdo plaĉas, ĉar ĝi distingas.

---

Defendante niajn amikojn, ni pravigas nian amikecon.

---

Ne serĉu la feliĉon, kie la virto ne havas kulton.

---

Pri religio kaj patrolando, ĉiam al ni ŝajnas ke la nia estas la plej bona el ĉiuj.

---

La estonteco estas kiel la blanka papero, sur kiu oni povas skribi aŭ desegni ĉion, kion ni volos.

Esperantigis

A. CAETANO COUTINHO.

---

# LA RUĜGORĜO

---

Kiam Jesuo, portante sian krucon, alpaŝis al Kalvario, ĉiuj, kiuj estis vivintaj je lia parolo, forkuris. Nur unu birdeto, al kiu je la tago de la sankta vespermanĝo li ĵetis kelke da panpecetoj, sekvis la viktimon kaj la ekzekutistojn. El la amikoj de la Filo de la Homo, ĝi estis la nura, kiu ĉeestis la kompatigan Golgotan dramon.

Kiam Jesuo sentis, ke lia liberiĝo alproksimiĝas, mallevis la okulojn sur arbetaron, ĉe kiu la birdo svingis siajn flugilojn, kaj diris al ĝi: "Vi estas benita, vi, kiu ne forlasas tiun, kiun lia propra Patro forlasas".

Tiam, fluginte sur la kapon de la mortanta Krucumito, la ruĝgorĝo elprenis dornon el lia sangoplena krono, kaj forportis ĝin en sia beko.

Kaj guto da sango, kiu elfluetis el la sankta relikvo, rulis laŭlonge de l'brusto de la birdo kaj ĝin beligis per la plej glora el ĉiuj postsignoj.

Elfrancigis

SEBASTIÃO DE ALBUQUERQUE.

## RIO DE JANEIRO



Marboda 'Aleo en Botafogo, unu el la plej belaj ĉirkaŭ-ĵoj de nia ĉefurbo

# Brazila Gazetaro

Brazilaj gazetoj kaj revuoj, kiuj dum la monatoj Novembro, Decembro kaj Januaro lastaj aperigis artikolojn kaj informojn pri Esperanto:

CEARÁ—*Jornal da Manhã*, el Fortaleza.

ALAGÔAS—*O Mercurio*, el Maceió.

SERGIPE—*O Estado de Sergipe*, *Diario da Manhã* kaj *Correio de Aracajú*, el Aracajú.

BAHIA—*A Bandeira*, el Bahia; *Correio de Alagoinhas* kaj *A Nuvem*, el Alagoinhas.

ŜTATO RIO—*Gazeta de Cordeiro*, el Cordeiro kaj *O Ribeironense*, el S. José do Ribeirão.

RIO DE JANEIRO—*A Noite*, *O Paiz*, *Gazeta de Noticias*, *O Imparcial*, *Correio da Manhã*, *Jornal do Brazil*, *A Epocha*, *A Imprensa*, *A Tribuna*, *Jornal do Commercio*, *O Reformador*, *O Cosmopolita*, *O Jornal Baptista*, *A União Social*, *Revista das Revistas*, *O Fon-Fon*, *Gazeta Suburbana*, *A Voz do Typographo*, *Canaan*, *Mocidade*, *A Lanterna* kaj *Revista da Semana*.

S. CATHARINA—*O Dia* kaj *Folha do Commercio*, el Florianopolis.

RIO GRANDE DO SUL—*O Brazil Philatelico*, el Cachoeira.

MINAS GERAES—*Minas Espirita*, el Juiz de Fóra.

*Nota*—Pedimos aos Srs. esperantistas que nos remettam um exemplar dos jornaes locaes que publicarem artigos ou informações sobre o Esperanto.

## Komuniko de "Danubo"

Okaze de la bulgara-turka milito, la bulgara redakcio, estante okupata, ĉesigas por nedifinita tempo la aperadon de "Danubo'. La abonintoj estos rekompensataj post la finiĝo de la milito.—"La redakcio de DANUBO".

# KRONIKO

—

**Parà**.—Laŭ telegramo publikigita de la ĵurnaloj en Rio de Janeiro, oni rekomencas en *Belem* la esperantan propagandon tie iniciatitan de d-ro Nuno Baena.

**Cearà**.—Per *Jornal da Manhã* S-roj Moacyr Caminha kaj Democrito Rocha invitis ĉiujn esperantistojn de Fortaleza por kunveno, kie oni pritraktus la propagandon de Esperanto en tiu ŝtato. La invito ne estis vana. La kunveno okazis kaj la rezultatoj estis bonegaj. La 1 de an Decembro fondiĝis «Esperanta Klubo Cearense», kies estraro estas la jena: Prez. Moacyr Caminha, Vicprez. Flosculo Barreto, 1ª Sek. Democrito Rocha, 2ª Sek. Eurico Pinto, Kas. D-ro. Galdino Gondim, kaj Bibliot. Francisco Gonzaga. Laŭ la regularo, tiu klubo aliĝos al Brazila Ligo kaj ĝiaj anoj devas aboni al Brazila Esperantisto. Pro tiuj decidoj ni kore dankas al la ĵus fondita klubo, kies sidejo estas ĉe «Collegio Nogueira». Oni malfermis kursojn bone vizitatajn kaj la ĵurnaloj publikigas informojn pri nia movado. En unu el ili ni legis, ke baldaŭ fondiĝos virina klubo, dank'al klopodoj de l'distinginda F-ino Hilda Saboya. Ke tio efektiviĝu, estas nia deziro!

**Alagôas**.—Ricevis la diplomon de «profesoro aprobita» S-ro. Paulino Santiago, fondinto kaj sekretario de l'grupo *Verdstelanoj*.

**Sergipe**.—La tuta gazetaro en Aracajú longe pritraktis pri la naskiĝotago de d-ro Zamenhof.

—F-ino Sylvia de Oliveira Ribeiro, kiu jam estas profesorino aprobita, ĵus fariĝis direktorino de bona edukejo, kie ŝi certe instruos siajn lernantinojn pri Esperanto.

—De nia fervorega samideano d-ro Alcibiades Corrêa Paes, ni ricevis longan leteron, el kiu ni elĉerpas la jenon:

«En Laranjeiras mi vere emociiĝis pro la surprizo, kiun al mi preparis F-ino Cecilia Curvello. La ekzamenoj de Esperanto (kiun nia samideanino komencis instrui en Septembro) komenciĝis per la balega kimno *En nia lando*, kiun ni ŝuldas al via lernolibro, kaj finiĝis per la sama himno, majstre kantita. Poste la lernantinoj deklamis poeziojn. En la salono, inter floroj, montriĝis la portreto de nia Majstro. Mi vere entuziasmiĝis. Jen la nomoj de la gelernantoj, kiuj sukcese trapasis la ekzamenon:—Maria Ribeiro de Góes, Elvira Barboza, Antonietta Curvello, Davina Ribeiro de Góes, Fidelina Santos, Zitta Santos, Alzira Passos, Arlinda Rodrigues kaj José Telles. Post la ekzamenoj, la profesorino fiksis sur la bruston de ĉiu el la sukcesintoj broĉon kun la simbola stelo de Esperanto.

«Ankaŭ en Aracajú Esperanto estis instruita en du Lernejoj duagradaj: *Collegio Salesiano kaj Gremio Escolar*. En *Collegio Salesiano* du lernintoj plene sukcesis en la ekzameno: Carlos Vieira Sobral kaj Albano Mello Prado. Pri la rezultato de la ekzamenoj en *Gremio Escolar*, mi sendos al vi ĵurnalon.»

Tiun belan rezultaton de la propagando en Sergipe tre ĝojigas nin kaj ni sendas al tiuj novaj samideanoj niajn korajn gratulojn.

F-ino Cecilia Curvello kies dediĉo al nia afero estas vere admirinda, estas fratino de unu el la ĉefaj redaktoroj de l'grava ĵurnalo de Rio de Janeiro *O Paiz*, kiu de longe estas al ni favora.

—Jen la nomoj de l'lernantoj de *Gremio Escolar* kiuj sukcesis en la elezamenoj de Esperanto: Francisco Silveira, Lauro Dantas Hora, Orlando Gomes, Melicio Machado, Antonio Felizola, Arnaldo Azevedo, José Silveira, Lauro de Andrade Mello kaj Alfredo Felizola».

**Bahia**.—En *Alagoinhas* funkciadas kurso kun 30 gelernantoj, ĉe lernejo Anchieta, sub direkto de s-ro Carlos de Souza Cunha.

—«Gazeto Patria el Bahia», malfermis esperantan fakon en siaj kolonoj.

**Espirito Santo**.—Ricevis *ateston pri lernado* s-ro João Teixeira de Siqueira Magalhães, el S. José do Calçado, respektinda maljunulo 74 jara, kiu de longe estas ano de B. L. E.

**Rio de Janeiro**.—Ĉe la Kristana Asocio de Junuloj ekzistas aro da fervoraj esperantistoj, kiuj estas ĉiam laborantaj por nia afero. Ĝi estas la «Brazila Esperantista Klubo», kiu la 14 an de Decembro festis la duan jaran datrevenon de sia fondiĝo per bonega koncerto, kun literatura parto, en kiu partoprenis s-roj Orlando Frederico, Aleixo de Souza, F-ino Marietta Amorim Bezerra, sroj Giovanni Cestini, C. Weshrs kaj Querino de Oliveira.

S-ino Gertrudes Silva kaj la ĉarma knabineto Avany Couto deklamis poeziojn kaj sro Giovanni Leoni faris la oficialan paroladon. Poste sro Leoni, prezidanto de l'klubo, donacis belan paperujon al sro Motta Mendes, al kiu estis la festo dediĉita.

La festo finiĝis per la kimno Espero, kantita de ĉiuj ĉeestantaj gesamideanoj.

Kelkaj tagoj antaŭ la festo, «Grupo de Debates (grupo por interdiskutado) efektivigis diskutadon pri Esperanto kaj franca lingvo

Nenecese estas diri ke la rezultato estis

favora al nia kara lingvo kaj tion ni ŝuldas al Sroj G. Leoni kaj Annibal de Souza.

—Tri ĵurnaloj en Rio malfermis en siaj kolonoj esperantan kurson: *O Cosmopolita*, eldonita de lernejo Gerson, en Bom Successo; *Canaan*, oficiala organo de Kristana Asocio de Junaj Viroj; *A União Social*, oficiala organo de l'pakaĵistoj de Centra Fervojo.

—Ĉe sidejo de Brazila Ligo, d-ro A. Couto Fernandes, ĝia prezidanto, malfermis kurson, kiu funkciadas ĉiuvendrede.

—«Revista das Revistas», nova revuo, malfermis esperantan fakon, sub la direkto de nia kompetenta samideano d-ro Antonio Carlos de Arruda Beltrão, kies portreto ĝi aperigis en sia unua numero.

—A Voz do Typographo, oficiala organo de l'tipografiistoj, malfermis esperantan fakon.

—Okaze de l'datreveno de d-ro Zamenhof, ĉiuj ĵurnaloj publikigis artikolojn pri li, kun portretoj, k. c., sed ni devas fari specialan noton pri «Jornal do Commercio», plej grava ĵurnalo en Brazilio, kiu aperigis longan artikolon pri la vivo de nia majstro.

—Nia kara samideano s-ro Germano P. Lacerda estas de longe malsana. Ni lin vizitas kaj al li ni deziras baldaŭan kompletan resaniĝon.

—*A Lanterna*, organo de liberpensuloj, aperigas nun esperantan fakon, kiu estas sub la direkto de s-ro Osmany Silva.

—*A Epocha*, kaj *O Reformador* publikigis longan artikolon de s-ro José Tosta pri «Spiritismo kaj Esperanto.»

—*A Noite*, tre ŝatata kaj multlegata nokta ĵurnalo publikigis sur la unua paĝo sub la titolo «Esperanto jam estas serioza venko» intervuon kun S-ro A. Couto Fernandes, prezidanto de Brazila Ligo. Tiu ĵurnalo poste publikigis aliajn novaĵojn pri nia movado kaj eĉ kliŝon pri «Parkurbo-Esperanto.» Ĝia direktoro estas Sro Irineu Marinho, de longe favora al Esperanto.

**S. Paulo**.—Transloĝiĝis al Santos, kie li direktas la ĵus aperintan ĵurnalon «Jornal de Santos», nia samideano S-ro Luiz Paes.

Ricevis la diplomon de profesorino aprobita la talenta kaj fervora esperantistino F-ino Julieta Mello e Souza.

**Minas Geraes**.—«Diario de Minas», el Bello Horizonte, publikigis la portreton de nia bona samideano S-ro José Soares de Carvalho, kiu ĵus ricevis la diplomon de leĝoscienco.

—En Juiz de Fóra funkcias la kursoj direktitaj de F-ino Clotilde Jaguaribe, Dro Benjamin Colucci kaj S-ro João Lustosa.

**S. Catharina**.—La profesoraro de «Lyceu de Artes e Officios» en Florianopolis akceptis la proponon faritan de ĝia direktoro S-ro Manoel dos Santos Lostada por ke oni malfermu tie kurson de Esperanto. La kurson direktos S-ro Carlos Vanneck. Pasigis kelkajn tagojn en Florianopolis nia bona samideano D-ro José Boiteux, kiu ne forgesis tie propagandi nian lingvon.

**Rio Grande do Sul**.—Kiu vivas, ĉiam aperas... Ni ricevis la unuan numeron de en Cachoeira reaperanta revuo «O Brasil philatelico», kiu akceptas korespondadon en Esperanto kaj propagandos ankaŭ tiun lingvon. La direktoro de tiu filatelia revuo estas la malnova esperantisto, kaj profesoro aprobita D-ro Benjamin Camozato, fondinto de l'grupo de Lages, ŝtato S. Catharina.

**Matto Grosso**.—Okaze de l'Novjaro ni ricevis de nia rusa samideano s-ro Arno Howard, el *S. Lourenço*, salutan telegramon, kiun ni tre dankas.

M. M.

—◦◦◦—

# Portugalujo

Post trijara dormado la «Portugala Revuo» revekiĝis kaj reaperas nun sub nova formato pli malgranda, sed kun pli multe da paĝoj. Ĝi nun tute bonaspektas.

Car nun la nombro de la portugalaj Esperantistoj estas multe pli granda, dank' al la propagando farita dum la lastaj jaroj de niaj fervoraj samideanoj Bemaldo, Acacio Lobo, Moreira da Silva kaj multe da aliaj, ni ne dubas, ke nun ĝi havos vivrimedojn. Ĉiuj niaj portugalaj samideanoj ĝin subtenu, abonante ĝin (sm 1,60 ĉiujare). Administrejo estas en *Porto*, 215, rua do Rosario.

En *Braga* okazas kurso ĉe la Komerca Asocio, kaj helpas la propagandon la «Portugal Filatélico» per artikoloj pri Esperanto.

En *Evora* fondiĝis la «Evora Esperantista Grupo». Prezidas ĝin Sº Luiz Antonio Galvão de Morais Sarmento, profesoro ĉe la Normala Lernejo.

En *Lisboa* funkcias du kursoj.

En *Porto*, de du jaroj, multe progresis la movado. Nun kursoj okazas ĉe la Vegetarana Asocio, Kristana Unuiĝo de Portugala Juneco kaj en la sidejo de l' grupo.

(El «La Revuo»)

## O Esperanto no estrangeiro

**Inglaterra.**— Fundou-se um grupo esperantista a bordo do navio de guerra «Orion».—As casas commerciaes de Holden Bros. (Fabricantes de calçado) e A. Fallek (tipographia) e o Milton Temperance Hotel, de Londres, adheriram á Universala Esperanto-Asocio.

**Suecia.**— Realizou-se em Stockholm uma reunião de todos os esperantistas suecos com o fim de activarem a propaganda nesse paiz. Ficou resolvido que a primeira reunião terá lugar em Gefle no corrente anno.

**Russia.**— Desde 16 de setembro ultimo funccionam nas classas commerciaes de «Astrahan» cursos officiaes de Esperanto.—O director da escola commercial de «Vilna» autorizou a abertura de um curso da lingua auxiliar.

**França.**— No dia 5 de Novembro ultimo o senador M. Lucien Cornet, entregou ao presidente do Senado uma petição, assignada por um grande numero de habitantes do «Pas-de Calais», em favor do Esperanto. Identica petição foi entregue ao presidente da Camara dos Deputados. Essas petições foram distribuidas ás respectivas commissões para darem o seu parecer.—Funccionam actualmente em Paris 76 cursos publicos e gratuitos de Esperanto.

**Belgica.**— A administração dos correios de «Charleroi» permittio que o grupo Karlorega collocasse no local reservado ao publico uma placa esmaltada com a estrella verde e as palavras «Esperanto parolata». Inscreveram-se 138 pessoas no curso aberto no Atheneo Real dessa cidade.

**Hollanda.**— Fundou-se em *Amsterdam* um novo club denominado "La Esperantista Klubo de Oriento" e em *Haya* um grupo de meninas, cujo nome é «Ni restu fidelaj». Em *Rotterdam* funcciona com regularidade a sociedade recentemente fundada por empregados de estradas de ferro.

**Allemanha.**— Foi eleito presidente da *Internacia Scienca Asocio* o Sr. W. Færster, professor da Universidade e director do Observatorio de Berlim.—Falleceu o distincto esperantista Leopold Elb, membro da *Lingva Komitato* e apreciado poeta.—O governo da Saxonia presta apoio official ao Esperanto. Além de auxilio monetario elle acaba de mandar imprimir uma esplendida brochura illustrada sobre a real manufactura de porcelana, a qual será remettida gratuitamente a quem enviar um *respondkupono* á: *Saksa Esperanta Instituto.* Standehaus, cambro 83. Dresden.

**Austria.**— O mais importante jornal austriaco «Neue Freie Presse» publicou, por occasião do Congresso de Cracovia, um extenso artigo favoravel ao Esperanto.

**Croacia.**— Realizou-se em fins de Agosto, na cidade de Zagreb, uma importante reunião dos esperantistas da Croacia afim de ouvirem o relatorio do seu delegado ao Congresso de Cracovia. Um dos resultados dessa reunião foi a adhesão do mais importante jornal de Croacia *Hrvatski Pokret*, que abrio uma secção especial dedicada a propaganda do Esperanto.

**Suissa.**— Falleceo o Dr. Dor, professor da Faculdade de Berne e presidente da Associação Internacional dos medicos esperantistas (T. E. K. A ).

**Italia.**— O 4° Congresso Esperanto Catholico terá logar em Roma depois do 9° Congresso Universal de Esperanto. Fundou-se nesta cidade a "Itala Esperanto-Kooperativo", cujo fim é fazer propaganda da lingua auxiliar por meio de livros baratissimos. Essa sociedade já editou 100.000 exemplares da "Verda Broŝuro", contendo a gramatica completa e o vocabulario a qual é vendida á 6 réis.

**Estados Unidos.**— Fundou-se em Washington um novo grupo denominado "Ingramb-Memoriga Esperanto-Klubo", o qual já conta 40 socios. O novo club abrio quatro cursos gratuitos.—As gazetas de Cincinnati e Ohio recomeçaram a fallar sobre o Esperanto.—Installou-se em Washington uma filial da Universala Esperanto-Asocio.

**Ilha de Cuba.**— Entre os novos partidarios do Esperanto citaremos o Dr. Ricardo Dolz, professor de direito na Universidade e ex-presidente do Senado.— O Sr. Rafael Crespo fez uma conferencia sobre a origem, historia e progresso do Esperanto deante de 93 professores. Em seguida a conferencia muitas pessoas inscreveram-se no grupo local.

**Venezuela.**— Funccionam actualmente na capital dessa Republica quatro cursos de Esperanto dirigidos pelo Sr. Rosario Campo— A gazeta "El Sol" publica regularmente artigos sobre e em Esperanto.

**Chile.**— Uniram-se as duas revistas "La du Steloj" e "Esperanta Penso" afim de melhor servirem á propaganda.— Os jornaes "La Manāna", "El Diario Illustrado" e "La Union" continuam simpaticos ao Esperanto, tendo este ultimo iniciado em suas columnas um curso dirigido pelo Sr. Nogel.

A. C F.

## NOVAJ GAZETOJ RICEVITAJ

**Kuracisto.** Internacia medicina monata revuo. Redakcio kaj administracio : Dro. Ludwik Chybczynsky. Str. Szopena n. 1. Varsovio. Rusujo. Jarabono: 3 sm.

**Kovno-Esperanto.** Presorgano de Kowna Esperantista Societo. Redakcio: G. Sadovaja, d. de Rac. Kovno. Rusujo. Jarabono : 1 sm.

**La langue internationale Esperanto.** Monata revuo. Administracio kaj redakcio: 39, Grande-Rue. Louhans (S.-et-L.). Francujo. Jarabono: 1,400 fr.

**Le Petit Espérantiste.** Monata revuo. Redakcio: 39, Grande-Rue. Louhans (S.-et-L). Francujo. Jarabono: 1,500 fr.

**Portugala Revuo.** Ĉiumonata organo de la Esperantistoj Portugalaj. 2ª serio. Redaktejo: Rua do Rosario, 215. Porto. Portugalujo. Jarabono: 1,600 sm.

## KORESPONDADO

FERNAND LEPERCQ, 2, rue Louis-Blanc Levallois-Perret (Seine) Francujo. Deziras korespondadi per P. I. kun sud-amerikanoj. Nepre kaj tuj respondos.

ALVARO CARVALHO. 1, Avenida Rio Branco — Nictheroy—Estado do Rio. Brazilio. Deziras korespondadi per P. I.

# BIBLIOGRAFIO

Ni ricevis kaj tre dankas :

**Tri Angloj, Alilande.** Romano originale verkita en Esperanto de John Merchant, F. B. E. A. Prezo, afrankite, unu ŝilingo, ĉe «La Espero», Lynette Avenue, Clapham, London, S. W. Anglujo.

**Primo manuale della Lingua ausiliaria Esperanto.** Publicato per iniziativa della *Itala Esperanto Asocio*. Cooperativa esperantista italiana. Salita Pollainole 13-4. Genova. Italujo.

**Katalogo de Moskva Librejo «Esperanto».** 5ª eldono. Tverskaja, 26, Moskvo, Ruslando.

**Lernolibro de Esperanta Stenografio.** (Unuiga Sistemo Stolze-Schrey) Eldonita de Emil Stark. Kaiser Friedrich-str. 1. Magdeburg. Germanujo. Prezo: 0,400 Sm.

**Katalogo de esperantaj kantoj** de la Muzikeldonisto A. Besnard, 26, rua Antoinette, Paris. Petu katologon.

**La Litadmonoj de Sinjorino Kodel.** (Mrs Caudle's curtain lectures) de Douglas Jerrold. Tradukis James Robbie. Unua serio. Prezo 4 sd. Aĉetebla ĉe Esperanta Presejo de Leith, 23 Laurie Street, Leith, Skotland.

**Karlo.** Kakonto en 20 ĉapitroj verkita de Edmond Privat. Kvara eldono, entute represita laŭ la originala manuskripto kun ĝis nun nepresitaj partoj. Dekdua milo. Tiu ĉi bonega legolibro estas jam uzata en multaj kursoj en Brazilio. Prezo: sm 0.200.

**Historio de la Lingvo Esperanto.** Unua parto: 1887-1900. Verkita de Edmond Privat. Ĝi estas rekomendita speciale por kandidatoj al superaj ekzamenoj. Prezo: bindita, sm 0,50. Aĉetebla ĉe Universala Esperantia Librejo. Rue de la Bourse, 10. Genève. Suisse.

**Ekonomio Socia.** *Kio ĝi estas kaj kion ĝi instruas*. Verkita de Dro. J. B. Marchlewski kaj esperantigita laŭ la pola eldono de Emilio Pfeffer. Nro. 1 el la Esperanta scienca kaj literatura libraro. Strato Retoryka 10. Krakovo. Aŭstrio. Galicio. Prezo: 10 sd.

**Los Angeles. Kalifornio.** *La urbo kaj la graflando*. Unua esperanta eldono. 1912. Eldonita de Komerĉa Ĉambro.

---

## *OLOTA EKSPOZICIO*

Okaze de la IVª Kongreso de "Kataluna Esperantista Federacio", kiu havos lokon en Olot, la grupo "Olota Stelo" organizos gravan ekspozicion esperantistan de revuoj, broŝuroj, verkoj, fotografaĵoj de membroj de grupoj, k, t, p., kaj ĝi petas ĉiujn grupojn kaj samideanĵojn, ili volu kontribui al la sukceso sendante esperantaojn al la Prezidanto de la Organiza Komitato de la Stampa konkurso Sro. ere Roque—Pardal, 13, Olot--Katalunujo--Hispanujo.